15-a jaro. — N-ro 6-7 (172) 173 Junio-Julio 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St Lievenslaan, 60, GENTO

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDO: Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1929

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**
(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝenerala Sekretario : H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

---

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO : Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, F. Mathieux.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

---

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

---

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

---

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al ni sian koncizan raporton je la fino de ĉiu monato.

15a JARO N-ro 6-7 (172-173) JUNIO-JULIO 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro : FRANS SCHOOFS, 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen, Telefono 543.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : Poŝtĉeko No 1337.67 de BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## LA 18a BELGA ESPERANTO-KONGRESO

**Gento, 18-20 de Majo 1929.**

**AL LA KONGRESO !**

Du jaroj jam pasis de nia antaŭa nacia kongreso, okazinta en Mons, kaj kiel malproksime jam tio ŝajnas al ni... Pasintan jaron ja okupis la belega 20a Universala Kongreso, tiel bone sukcesinta dank'al la fervoro de niaj antverpenaj samideanoj. Kaj nun ni reprenas niajn malnovajn tradiciojn. Ke la vetero almenaŭ estu bela ! Sed jen, Sabaton posttagmeze, ekpluvetas... malagrabla afero !

Ni tamen forlasas Bruselon je la 5a posttagmeze, esperante, ke tiu pluvo ne daŭros... kaj ni ekveturas sur la ŝoseo al Gento. Multnombraj aŭtomobiloj sekvas la saman vojon... : ĉu ĉiuj iras al la Kongreso ? Kia sukceso ! Nia amiko Petiau jam anoncis al mi grandan nombron de aliĝoj, sed tamen... Do, ni vidos !

Survoje ni renkontas tri akcidentitajn aŭtomobilojn : la unua kuŝas en grenkampo, la kvar radoj rigantantaj la ĉielon (stranga sintenado por aŭtomobilo !) ; la dua renkontis kvintunan ŝarĝaŭtomobilon, kiu kompreneble venkis la kontraŭveninton ; iom pli malproksime trio da aŭtomobiloj interpuŝiĝis... kio okazis ? Ĉu ili volis danci ĉarlestonon !... Kun ĝojo ni eksciis ke neniu Esperantisto estis vundita dum tiuj akcidentoj. Estis nur mallertaj neesperantistoj, kiuj, ho malprudentuloj, ankaŭ veturis al Gento.

Enirante Genton, ni renkontis edziĝosekvantaron : « Kvara akcidento » grumblas unu el miaj kunuloj. Feliĉe ankaŭ tiu ĉi ne koncernis Esperantiston.

Jen, en la koro de la urbo montriĝas verda standardo : Akceptejo... « Bonvenon ! » Kion aldoni ? Vi ja konas ĉiujn detalojn. Sur la strato, iu alvokas nin : « U-is-ter-mè » ? Alvenas la simpatia kaj ĉiam ridanta prezidanto de B.L.E., S-ro Schoofs. « Eh bien, mon vieux, comment ça va ? » Jen nia malnova amiko Agourtine..., kaj nun alvokoj interkru-

ciĝas... oni retrovas bonajn amikojn ne plu viditajn de la pasinta jaro, grupetoj formiĝas, oni ekbabilas, babiladas, babiladegas...

En bona orde, ĉiu ricevas informojn pri loĝejo, portas la valizeton hejmen, kaj revenas al la akceptejo, en kies granda salono ni kunvenos poste. Ĉiu vizaĝo estas ĝoja, ĉar dank'al la zorgoj de la Loka Organiza Komitato, ĉiu ricevis ĉambron laŭ sia deziro. Kaj nun aperas la Estraro de la Ligo ; je la 20a h. 30 komenciĝas la

**Labora kunsido**

prezidata de S-ro Frans Schoofs, prezidanto de la B. L. E. ĉirkaŭata de la aliaj estraranoj : S-roj L. Cogen, P. Kempeneers, vicprezidantoj kaj S-ro H. Petiau, ĝenerala sekretario.

La estraro de B. L. E. starigis tiujn laborkunsidojn por ke, dum la kongresoj, oni povu diskuti kiun ajn temon, ne estante malhelpata pro nesufiĉa tempo.

Kaj tuj komenciĝas la « interpelacioj » :

« Kiam « Belga Esperantisto » aperos sen malfruo ? demandas S-ro **De Martelaere**. Ni faros nian grandan eblon, respondas S-ro **Schoofs**. Sed ne sufiĉas plendi pro ne-apero, estas necese, ke ĉiuj samideanoj helpu per vigla kunlaborado en la redaktado. La pezaj laboroj kaŭzitaj de la Universala kongreso, kiuj okupis ĉiujn fortojn de la belgaj esperantistoj, estas preskaŭ forpasintaj, kaj akurateco baldaŭ regos en la aferoj.

**D-ro W. Van der Biest** kaptas la okazon por danki kaj gratuli, je la nomo de la belgaj Esperantistoj la organizintojn de la Antverpena Kongreso, kaj precipe S-ron Schoofs, kiu estis ĝia animanto.

Kaj nun venas aro da proponoj, da demandoj...

S-ro **Patro De Coene** proponas, ke oni vendigu « B. E. » en libro- kaj ĵurnalvendejoj.

S-ro **Schoofs** : Tia afero nur sukcesus, se iu Esperantisto en la koncerna loko sekvas ĝin. « Do, mi tion faros en Mons », diras Patro **De Coene**, kiu ankaŭ proponas, propagandi Esperanton kunportante Esperantajn gazetojn kaj legante ilin en vagonaro, en tramo, eĉ forgesante ilin en tiaj lokoj. Ofte kunvojaĝanto petas informojn. Senlaca propagandisto, S-ro Patro **De Coene** deziras, ke oni verku landkarton sur kiu oni montros per speciala signo la lokojn, kie ekzistas ĉu Esperanto-grupo, ĉu izolaj Esperantistoj.

« Ke almenaŭ ekzistu multaj grupoj ! » deziras S-ro **Schoofs**.

« Nova ĵus fondiĝis en Nieuwpoort » (Nieuport), anoncas S-ro **Bas**.

« Alia baldaŭ ekestos en Ronse » (Renaix) ekkrias S-ro **De Boes**.

Bonaj novaĵoj! Ni nun de la landkartoj saltu al la gvidlibroj.

S-ro **Groverman** ŝatus trovi en la gvidlibroj Baedecker k.s., krom la kutimaj sciigoj pri ĉiu loko, ankaŭ la adreson de la Esperanto-grupo. Oni povus komenci per la gvidlibroj eldonitaj de « Michelin », kiu estas favora al Esperanto, proponas D-ro **Kempeneers**.

S-ro **Agourtine** (Parizo) pristudos la aferon kaj klopodos efektivigi ĝin kun la helpo de S-ro Archdeacon, persona amiko de S-ro Michelin.

S-ro **Schoofs** : Ĉar la demando interesas plurajn landojn, B. L. E. pritraktos la temon kun I. ,C. K.

« Estus necese havi gvidlibrojn en Esperanto pri ĉiuj belgaj urboj» diras S-ro Patro **De Coene.**

S-ro **Schoofs** : La Ligo daŭre sin okupis pri tiu temo, sed ebleco ne ĉie ekzistas.

S-ro **Petiau** : En Gento la malbona financa situacio de la urbo ne permesos atendi tian gvidlibron nuntempe.

Nova salto : de la gvidlibroj al la stacidomoj : « Ni metu afiŝojn en la atendejoj de stacidomoj, por doni informojn pri esperantaj adresoj, proponas S-ro **Groverman.**

S-ro **Harlamb** (Rumanujo) : Tiaj afiŝoj ekzistas jam en Aŭstrujo, sed ili staras, ne en la atendejo, sed sur la peronoj ; sur ili troviĝas adresoj de la delegito de U. E. A. kaj de la Esperanto-grupoj, kun horoj de la kunvenoj.

Pri aliaj propagandrimedoj :

S-ro **C. Van de Velde** rekomendas ilustritajn poŝtkartojn kun Esperanta teksto, kiel jam eldonis plurajn la Belga Esperanto-Instituto. Plej simpla sed plej trafa propagandilo. S-ro Schoofs informas, ke tiu societo eldonos tiajn kartojn por aliaj lokoj, kies grupoj tion deziros.

S-ino **Elworthy-Posenaer** proponas specialan propagandon dum la ekspozicioj de 1930. « La Estraro jam pripensis tion ».

Artikoloj en la gazetaro pri ĉiu okazaĵo en la Esperantista vivo (S-ro Patro **De Coene**). - « Ke ĉiu kongresano verku 20 linian artikoleton pri la kongreso kaj sendu ĝin al sia gazeto proponas S-ro **Schoofs** (Aplaŭde akceptita).

Konstante praktika uzado de la lingvo (S-ro **Cohen,** anglo).

Multobligo de kursoj organizotaj de la grupoj, lau la ekzemplo de « La Verda Stelo » en Antverpeno (S-ro **Schoofs**).

Grandamasa disvendado de malmultekostaj broŝuroj en flandra kaj en franca lingvoj (S-ro **Schoofs**).

Neceseco de multaj profesoroj. Ke ĉiu Esperantisto iĝu kapabla instrui laŭbezone (S-ro Faes).

Bibliotekoj bone provizitaj je multnombraj kaj aktualaj Esperantaj libroj (S-ro **Schroyers**).

Post propono pri speciala propagando en la lernejoj okaze de la festo de la sendependeco belga, farita de F-ino **Champy,** rimarkigas la prezidanto, ke ni ne devas atendi tro multe el la oficialaj medioj. Post plurjara provado ni ĝenerale venas al la konkludo, ke nur povas helpi niaj personaj propagandaj klopodoj : la oficialigo venas nur al tio, kio ekzistas praktike.

Kore dankinte la multnombrajn ĉeestantojn, la prezidanto fermas la oficialan parton je la 22a h. 30.

———

Gin sekvis tre agrabla koncerto ludata de tri blinduloj: S-roj Monseré, Malfait kaj Cnudde, kiuj — dank' al S-ro Van Haute —, konsentis partopreni en la neoficiala parto de la programo.

Kaj fine, oni dancadis ĝis... sed, ĉu mi estos maldiskreta ?

Dimanĉon, malfermante okulon, mi tuj ekrigardis al la fenestro. Ĝojo! jen brilas la suno! Vere Esperanto-Kongreso sen suno ne estus Esperanto-Kongreso!

Jam je la 9a kunvenis en la Jesuita Preĝejo granda aro da Esperantistoj por sekvi la Diservon aranĝatan de la Katolika Esperantista Junularo-Asocio, kaj por aŭskulti la belan predikon de S-ro Patro De coene, kiu aludis je tiu okazo la viglan propagandon, kiun li antaŭ multaj jaroj faris en eksterlando per Esperanto.

Oficiala Akcepto.

Je la 10a, la Esperantistoj kunvenis en la belega malnova urbdomo, kie S-ro Urbestro Vanderstegen akceptis ilin per plej afablaj paroloj. Li speciale atentigis la ĉeestantaron pri la multnombraj servoj, materiaj kaj moralaj kiujn la homaro pli kaj pli ricevos pro la uzo de internacia neŭtrala helplingvo. Li deziris al la kongresanoj bonan rezultaton en ilia propagando kaj kongreslaboro. S-ro Urbestro Vanderstegen ĵus akceptis la titolon de Honora Membro de la Belga Ligo Esperantista. Interparolado kun kelkaj eksterlandaj Esperantistoj pruvis al li la necesecon lerni Esperanton, kion li promesis fari. La okazon tuj uzis S-ro Schoofs, por donaci al la urbestro malgrandan lernolibron de Esperanto.

S-ro Schoofs, prezidanto respondis al la urbestro per la jenaj vortoj:

« Sinjoro Urbestro,

» Estas por mi granda honoro kaj agrabla devo, ke mi povas al vi » esprimi, tiom en mia propra nomo kiom en tiu de Belga Ligo Espe- » rantista, niajn danksentojn pro la afabla akcepto, kiun vi bonvolis » rezervi al la belgaj kaj eksterlandaj delegitoj kiuj partoprenas nian » 18an nacian kongreson, kaj ankaŭ pro la koraj vortoj per kiuj vi vin » turnis al ili.

» Ni vin dankas tute speciale, Sinjoro Urbestro, pro la multvalora » esprimo de simpatio, kiun vi volis doni al la movado por la internacia » helplingvo Esperanto, persone akceptante nin kaj iĝante Honora »membro de nia Ligo.

» Kun plezuro ni rememoras pri la varmaj akceptoj, kiujn la Esper- » antistoj ĝuis en ĉi tiu antikva urbodomo, nome en 1911 je la trapaso » de alilandaj delegitoj, kiuj ĉeestis la 7an universalan kongreson de » Antverpeno, en 1912 je la 4a nacia kongreso kaj en 1913 je l'okazo de » Esperanto-semajno organizita en la internacia Ekspozicio de Gento, » kaj ni estas feliĉaj konstati, ke hodiaŭ la Estraro de la bona urbo Gento » ne ĉesis signi sian atenton kontraŭ la Esperantista movado, kiu estas »klopodo por la paco, sed kiu precipe estas verko de progreso.

» Esperanto, kiun en 1887 donis al la mondo la juna pola kuracisto » Zamenhof, iĝis ja la necesega kompletigilo al ĉiuj lasttempaj elpen- » saĵoj de la homa inteligento, kiel la aŭtomobilismo, la aerveturado, la » fonografo, la telefono, la telegrafo kaj la T. S. F., kiuj neniam povos » havigi ĉiujn siajn avantaĝojn sen la enkonduko de la ĝenerala inter- » komprenigilo, facile lernebla kaj atingebla de ĉiuj homoj.

» Dum sia 42-jara ekzistado Esperanto trabatis al si la vojon. Ĝi » pasigis sian periodon de mistikismo kaj eniris decide en la vojon de la » praktikaj realigoj. Miloj kaj miloj da homoj diversklasaj kaj divers- » fakaj disigitaj sur ĉiuj partoj de la mondo, uzas Esperanton por siaj » ĉiutagaj bezonoj.

» La scienculoj, la teknikistoj, la industriistoj, la komercistoj, la » edukistoj jam komprenis la potencon de interkompreniga instrumento » uzata inter individuoj de nacioj kaj rasoj malsamaj

» Ĉiuj grandaj entreprenoj internaciaj, kiel la ekspozicioj kaj » komercaj foiroj, uzas Esperanton por sia propagando. Ĉiuj radio- » stacioj elsendas regule en Esperanto. Ni citos nur du ekzemplojn apud » ni : la internacia ekspozicio kiu okazos en Antverpeno en 1930 eldonis » prospektojn kaj reklammarkojn en Esperanto, kaj nia granda radio- » stacio « Radio-Belgique » disaŭdigis antaŭ nelonge paroladon pri nacia » propagando, en Esperanto, kun la celo pli bone konigi nian landon en la » mondon.

» Niaj naciaj kaj internaciaj organizaĵoj Esperantistaj disvolviĝas » ĉiujare pli kaj pli. En Belgujo ni ĝojas pro la bonega situacio de nia » Belga Liga Esperantista. Fondita en 1905 kaj post deviga neaktiveco » dum la militjaroj, ĝi nun enhavas pli ol 1500 efektivaj membroj.

» Via urbo Gento, Sinjoro Urbestro, okupis de la komenco honorlo- » kon en nia belga Esperantista vivo, dank'al la nelacigebla sindonemo » de la gvidantoj de nia Genta Grupo Esperantista, inter kiuj ni citas » plej speciale niajn bonajn amikojn Petiau, Maertens, Vandevelde kaj » Groverman, al kiuj ni ŝuldas ankoraŭ la organizon de la nuna kongreso, » kiu — ni pri tio ne dubas — estos fruktedona tiom je la vidpunkto de » nia interna organizo kiom je tiu de la loka propagando por nia komuna » entrepreno.

» Sinjoro Urbestro,

» Je la nomo de Belga Ligo Esperantista mi ree diras sinceran » dankon al vi kaj mi esprimas varmajn bondezirojn por la prosperado » de la via urbo.

» Vivu Gento ! »

Post tiu akcepto la kongresanoj, gvidataj de la sperta urba kon- servatoro S-ro Van Werveke, povis viziti ĉiujn ĉambrojn de la belega urbdomo. La riĉe dokumentitaj klarigoj de la gvidanto vekis grandan intereson inter la vizitantoj, je kies nomo S-ro Petiau prezentis korajn dankojn.

**Ĝenerala Kunveno de Belga Ligo Esperantista.**

La kunveno estis malfermata je la 11 h. 30 en salono « Concordia ». S-ro **Petiau** dankas la ĉeestantaron kaj precipe la grupestrarojn, kiuj multe helpis en la organizo de la kongreso. Li esperas, ke ĉiuj pasigos ĝojplenajn tagojn en Gento.

S-ro **F. Schoofs**, prezidanto de B. L. E. dankas S-rojn Petiau, Vande- velde kaj Groverman, kaj F-inon Terryn, kiuj zorgis pri ĉio. Granda sukceso estas la frukto de iliaj klopodoj, ĉar jam aliĝis 180 personoj (Aplaŭdoj).

Li salutas ĉiujn ĉeestantojn kaj speciale la eksterlandajn samideanojn ,kiuj faris longan vojaĝon por partopreni en nia ĉiujara festo.

Li proponas sendi telegramon al la honora prezidanto de B. L. E. Princo Leopoldo, (1) kaj al la prezidanto pro honoro de B. L. E., S-ro Witteryck.

S-ro Petiau legas bondezirajn leterojn ricevitajn de : Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Centra Dana Esperantista Ligo, Germana Esperanto-Asocio, Loka Organiza Komitato de le 21a Universala Kongreso en Budapest, Kongreso de Regiona Nordfranca Federacio en Valenciennes, Franca Societo por la Propagando de Esperanto, S-ro Witteryck, prez. pro honoro de B. L. E., G-roj Brihay, Brita Karavano en Oostduinkerke ; senkulpigajn leterojn de S-roj Alb. Maertens, hon. prez. de la Genta Grupo Esp., Maur. Jaumotte, kasisto de B. L. E., Oscar Van Schoor, komitatano, Marcel Roost.

Saluto estos sendata al la naciaj kongresoj, kiuj kunvenas hodiaŭ.

S-ino Krieger, (Hago) salutas la kongreson je la nomo de la eksterlandaj ĉeestantoj.

S-ro Cogen, vic-prezidanto, sciigas ke S-ro Skabeno Bernier, el St. Gilles (Bruselo) jus estis nomata urbestro de tiu grava komunumo. Gratulan telegramon la kongreso sendos al li. (2)

S-ro Petiau, ĝenerala Sekretario, legas sian raporton (jam publikigitan en B. E. nº 4). Ofte interrompas lin la ĉeestantoj par laŭtaj aplaŭdoj. Post mallonga priparolo la raporto estas unuanime akceptita.

S-ro Cogen, vicprezidanto, je la nomo de S-ro Mathieux, malhelpata ĉeesti, prezentas la raporton pri la liga kaso. Tiu raporto estas ankaŭ unuanime akceptita.

S-ro Schoofs, prezidanto, komentarias la raporton kaj alvokas por ke ĉiuj membroj varbu novajn membrojn kaj havigu anoncojn por la gazeto.

Li dankas la ĝeneralan sekretarion por lia pasintjara laboro. Li dankas S-ron Mathieux por la gravaj servoj, kiujn li faris al la Ligo, zorgante ĝian kason dum 18 jaroj. Li proponas ke la ĝenerala kunveno sendu al li specialan leteron de danko kaj simpatio.

Li anoncas, ke S-ro Maurice Jaumotte estas elektita por anstataŭi S-ron Mathieux.

---

1) Respondo ricevita :

Bruselo, 21 Majo 1929.

« Schoofs, prezidanto kongreso Esperanto, Gento,

» Transdonos je lia reveno al Duko de Brabanto vian afablan tele-
» gramon. Lia Princa Moŝto certe estos tre sentema je ĝi.

» Barono Capelle, Sekretario de la Ordonoj. »

2) St. Gilles, 12 Junio 1929.

« Sinjoro F. Bernier, Urbestro de St Gilles apud Bruselo tre dankas
» al la belgaj Esperantistoj, pro la afabla telegramo, kiun ili bonvolis
» sendi al li je la okazo de lia nomiĝo. »

S-ro **Schoofs** prezentas la raporton de la Belga Teritorio de U.E.A. La nombroj de la membroj kreskis jene :

| Antaŭ la organizo de la Belga Teritorio : | Post la organizo de la Belga Teritorio : |
| --- | --- |
| 1920 — 72 membroj | 1925 — 160 membroj |
| 1921 — 67 » | 1926 — 187 » |
| 1922 — 74 » | 197 — 243 » |
| 1923 — 77 » | 1928 — 309 » , kun delegitoj en 50 lokoj de la lando. |

Por 1929 jam 70 novaj membroj pagis la kotizon. La situacio estas do tre favora, kaj sendube, la cifero de 350 estos atingata nunan jaron.

S-ro **Petiau**, per kortuŝaj vortoj, alvokas ĉiujn Esperantistojn loĝantajn en lokoj, kie ĝis nun ne ekzistas grupoj, ke ili klopodu starigi grupojn en sia loko. Tiu granda laboro estu farata en plena kunagado kun la Ligestraro (Aplaŭdon).

S-ro Patro **De Coene** sciigas, ke en la valona parto de la lando ekzistas pluraj urboj aŭ urbetoj, kie ekzistas nombraj aroj de esperantistoj.

S-ro **Schoofs** petas, ke S-ro Patro De Coene volu interrilati kun la Ligestraro por ekzameni la eblecon starigi grupojn en kelkaj novaj lokoj.

S-ro **Kempeneers**, atentigas la esperantistojn pri la grava rolo ludata de radiofonio en la propagando de Esperanto. Li instigas ĉiujn radio-amatorojn, helpi la laboron de la Ligo ĉe Radio-Belgique, sendante leterojn, de danko pro la dissendoj kaj instigante al aliaj.

S-ro **Schoofs** petas, ke la Esperantistoj mendu grandan kvanton de reklammarkoj eldonitaj de la Ekspozicio 1930 en Antverpeno, kaj de la Ekspozicio pri Florĝardenoj aranĝata en Kortrijk.

F-ino **Jennen** gratulas la membrojn, kiuj ĵus sukcesis en la ekzameno pri profesora kapableco. La koncernaj diplomoj estas transdonataj al ili.

Fermante la kunsidon, je la 12.45, S-ro **Schoofs**, prezidanto de B.E.L., esprimas sian ĝojon pro la sukceso de la 20a Internacia Kongreso de Antverpeno, kaj precipe pro la antaŭenpuŝo, kiun ricevis nia movado post tiu mondfesto esperantista.

— — —

Je la 13a, la fotografistoj eniris la scenejon, se tiel oni povas nomi la ŝtuparon de la Universitato sur kiu grupiĝis la kongresanoj. « Ne buĵu » rekomendis unu el niaj amikoj, « Ne bewegu !» ordonis alia. Tiuj neologismoj vekis fortan malaprobon de la ĉeestantaj L. K.-anoj ! Kaj la aparatoj funkciis.

**La Festeno.**

Nun ni rapidas al restoracio « Helder », kie prezentiĝas la plej grava okazantaĵo dum Esperantista Kongreso : festeno. Vera laborkunsido... la makzeloj funkciegis... bonegaj manĝaĵoj... ĝuindaj vinoj. Sendube la legado de la jena manĝokarto vekos bedaŭron en la koro — kaj en la stomako — de la neĉeestintoj.

**Manĝokarto :** Printempa supo.
Svisa pasteĉo
Moruo kun muslina saŭco
Freŝaj terpomoj
Rostita superlumbaĵo
Legomoj
Rostita kokidaĵo
Sezona salato.

Dum la manĝo, la juna brusela samideano S-eto **Codemus** ludis belajn erojn el sia repertuaro. S-ro **Cohen** tuj sekvis tiun ekzemplon. Tiel iom estis plenigataj la iom longajn digestigajn interaktoj, inter la pladoj.

Kaj fine venis la momento de la toastoj :

S-ro **Schoofs** toastis al lia Reĝa Moŝto, al la Reĝino kaj al la reĝa familio. La jena telegramo estis sendata :

« Al Lia Reĝa Moŝto Alberto,

» La Belgaj Esperantistoj, kunvenintaj kun kelkaj amikoj francaj, » holandaj, rumanaj, hungaraj, polaj ,en sia 18a nacia Kongreso en » Gento, aplaŭdis toaston je via honoro, je tiu de la Reĝino kaj de la » Reĝa familio.

» La Prezidanto de Belga Ligo Esperantista : Fr. SCHOOFS. » (1)

S-ro **Schoofs** poste alparolis la urbestron en Esperanto, kaj esprimis la deziron, ke li ĉiam helpu la Gentajn esperantistojn en iliaj klopodoj.

La Urbestro de Genta, S-ro **Van der Stegen**, esprimis al la Esperanto-movado plenan fidon en la estonteco de Esperanto. Li antaŭvidas la momenton, kiam ĉiuj lernantoj lernos Esperanton en la lernejo. Li estas honora membro de la Ligo nur de kelkaj tagoj, sed li promesas lerni la lingvon. Li memorigas, ke antaŭ 40 jaraj, li ĉeestis kongreson de volapukistoj en Blankenberghe. Oni nun nenion plu aŭdas pri Volapük, sed Esperanto brile disvolviĝis kaj faras ĉiutage novajn progesojn. Kiam vi ankoraŭ havos vian kongreson en Gento, finas la Urbestro, mi esperas alparoli vin en Esperanto.

S-ro **Cogen** per sprita improvizado salutis la eksterlandajn kongresanojn. Pro ilia multnombra ĉeesto la nuna nacia kongreso fariĝis preskaŭ internacia.

S-ro **Agourtine,** respondante al S-ro Cogen, rememorigas pri la bona propagando farita por Belgujo dank'al Esperanto. Dura la post-

---

(1) Respondo ricevita :

» Al S-ro Schoofs,

» Prezidanto de la 18a Esperanto-Kongreso,

» La Reĝo estis tre sentema al la enhavo de via afabla telegramo » kaj Lia Moŝto komisias min kore danki vin kaj ĉiujn membrojn de la » dekoka belga Esperanto-kongreso en lia nomo.

» La Kabinetestro de la Reĝo. »

kongresa ekskurso okazinta en 1928 pli ol 100 kongresanoj el 15 landoj vizitis Belgujon dum pluraj tagoj. Li finas per la vortoj : « Vivu Belgujo ! ».

S-ro **Faes** havas la honoron toasti je la honoro de la plej ĉarma parto de la ĉeestantaro, nome de la virinoj.

S-ro **Petiau** speciale salutas la modelan esperantist-edzinon, S-inon Schoofs, kiu sin tute dediĉis al helpo al sia edzo, al kiu grandparte estas ŝuldata la sukceso de la 20a Universala kongreso. Liajn parolojn sekvis entuziasma ovacio al S-ino Schoofs.

S-ro **Schoofs** kortuŝite, dankas je la nomo de sia edzino kaj trandonas la parolvicon al F-ino **Jennen**, kiu esprimas dankon je la nomo de la Esperantistinoj. Ŝi promenas ilian estontan tutan helpon en la Esperanto-movado.

S-ro **Bas** toastas je la honoro de la gazetaro, kiu neniam preterlasas okazon helpi al ni, presigante ĉiujn informojn pri kaj por nia movado.

D-ro **Kempeneers**, je la nomo de B.L.E. kaj de la 18a nacia kongreso, dankas la organizintojn de la Genta Kongreso kiujn detale ĉion prizorgis por bone aranĝi ĝin kaj atingis plenan sukceson. La nunan kongreson memoros ĉiuj partoprenintoj, rezultato ŝuldata al la klopodoj de la Gentaj samideanoj, precipe de F-ino Terryn kaj de S-roj Petiau, Vandevelde kaj Groverman.

Disiris fine l'amikar'
Kun plenigitaj ventroj...
Estis la 5a... Ĝojo kaj kontenteco brilis sur ĉies vizaĝo.

La programo enhavis poste liberajn horojn por laŭvola vizito en la urbo. Kio okazis dum tiu tempo ? Ĉu mi ĉion priskribis ? Ne eble...

Oni ekvidis la prezidanton de B. L. E. veturante en veturilo tirata de du pursangaj ĉevaloj ĵetantaj fajron per la kvar piedoj, akompanata de tuta garbo de freŝaj vizaĝoj ; mia amiko Bas plej zorge akompanis S-inon Hart, kies edzo estis retenata per ripetado de teatraĵo (kiun li ja ne ĉeestis ?...) ; kelkaj estis vidataj portante valizojn, kondukante amindajn fraŭlinojn, trinkante (eĉ drinkante!) glasojn da biero... aliaj vizitis la beginojn... se vi volas scii ankoraŭ pli... demandu al la « Dulle Griet », la granda kanono...

**Arta vesperfesto.**

En la salono « Concordia » denove kunvenas ĉiuj Esperantistoj. Bela salono, bone aranĝita, programo zorge kunmetita de S-ro Cogen.

La festo komenciĝis per « La Espero » ludata de la simfonio de S-ro Mast (Gento) kaj hore kantata de la ĉeestantaro.

La bonega simfonio de S-ro Mast ankaŭ interpretis plurajn muzikverkojn, kun plej granda talento kaj muziksento. Ni dankas ilin pro ilia multvalora helpo kaj gratulas la estron.

Akompanata sur la pianoforto de S-ino Faes, F-ino M. Jacobs deklamis kun profunda sento la versojn de « Elfreĝo » ; ŝi ankaŭ kantis

Arion de Zulica el la Fianĉino de Abidoso kaj Lulkanton de Mozart. Ni ne plu devas atentigi la Esperantistojn pri la granda talento de nia ĉiam sindonema samideanino ĉiam preta sin dediĉi al pliagrabligo de niaj festoj. S-ino Faes ankaŭ ne preterlasas okazon ĉarmi niajn orelojn per ludado de pianoforto, kion ŝi faris ankaŭ tiun ĉi fojon, ludante plej lerte por ni verkaĵon de Chaminade, titolitan «La Morena».

Poste kelkaj membroj de la Brusela grupo interpretis kun plej granda bonvolo la amuzan skeĉon de Tristan Bernard : « Angla lingvo sen profesoro ». Viglaj aplaŭdoj dankis al la ludintoj de tiu amuza teatraĵo nome F-ino M. Wittrien, S. Obo, E. Lahaye, kaj S-roj H. Castel, J. Hogson, J. Adamski, W. Lepeer, P. Hart. Ni esperas, ke la tradicio perdita de pluraj jaroj estos daŭrigata dum la venontaj kongresoj.

Amuza danc-parto finis la vesperon. Mi bedaŭrinde devis foriri antaŭ la fino... por konduki al la stacidomo samideaninon el Steenockerzeel jus forirontan...

La lundon matene la Gentaj amikoj organizis plej interesan viziton al la multnombraj vidindaĵoj de la urbo, kaj je tagmezo okazis komuna neoficiala tagmanĝo en restoracio Helder, kie la kongresanoj havis plian okazon por senĝena familia kunestado.

Sekvis digestiga promenado kies celo estis la bela urba parko, kie multaj geamikoj pasigis ankoraŭ agrablajn momentojn antaŭ ol forlasi la kongresurbon, el kiu ĉiu kunportis la plej bonan memoraĵon, dank'al ĉiuj kiuj helpis al la ĝenerala kaj detala organizo kaj inter kiuj ni ne forgesu citi la belan Sunan Moŝton, kiu ne ĉesis brili dum niaj tri kongrestagoj.

POKO.

---

## BELGA FESTORGANIZA KLUBO

### RAPORTO.

Post la malsukcesinta festo en Mons'a Waux-Hall, la agado de nia klubo estis haltigita dum 1928, ĉar belga tiujara kongreso estas enigita en la 20a Universala Kongreso de Antverpeno, en kiu nia modesta klubo neniel povis utili.

Sed en 1929a ĝi organizis tre belan kaj bonsukcesintan feston okaze de la 18a kongreso de la belgaj Esperantistoj en Gento kun partopreno de la bonega simfonio de S-ro Advokato Mast, de la Brusela Esperanto-Grupo (Angla Lingvo sen profesoro), de S-ino Lucette Faes-Janssens, la talenta pianistino kaj de F-ino Maria Jacobs, agrabla kantistino.

Nian koran dankon al ĉiuj gepartoprenintoj al tiu festo, kiu estis sekvita de amuziga movoplena balo.

Kiel novan membron ni enskribis S-ron Mast.

La Raportanto, L. COGEN

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. « **La Verda Stelo** »: faris la laŭtradician viziton de la foiro, Sabaton 1an. Dimanĉon la 2an, trideko da membroj kunvenis por are forveturi al Capellenbosch, kie ili ekskursadis. Kvankam la vetero ne estis tre favora. S-ro De Coster ne estis malhelpata fari la kutiman fotografadon kaj se ne suno tamen bonhumoro brilas sur ĉies vizaĝo.

Sabaton la 8an okazis la Ĝenerala monata kunsido dum kiu ni ĝuis la viziton de samideano Dücker, el Clève, Germanujo.

Sabaton 15an, « La Verda Stelo » organizis sian unuan someran balon en la parko «Te Boelaer». Multaj gedancemuloj tie renkontiĝis kaj bone sin amuzis.

Sabaton la 22an niaj membroj ĝuis la viziton de S-ro Krom Mladjaff el Sofio. Plej interese nia bulgara samideano parolis pri sia lando kaj la movado esperantista en tiu parto de Europo. La paroladiston oni kore aplaŭdis.

Dimanĉon la 23an, dank' al la Urbestraro, kiu bonvolis meti je la dispono de « La Verda Stelo » ekskurs-ŝipon, ni faris viziton en la internaj dokoj kaj kluz-instalaĵoj « Kruisschans». Apartan dankon ni ŝuldas al S-ro Francart, kiu bonvolis gvidi la ekskursantojn kaj vidigis la plej interesajn vidindaĵojn, ankaŭ S-ro J. Janssens kiu lerte klarigis ĉiujn aferojn nekonatajn de la ekskursantoj.

Sabaton la 29an en « Brasserie de la Bourse » ni organizis la diplom-disdonon je l'honoro de la diplomitaj gekursanoj de F-ino Jacobs. Akiris la diplomon kun la plej granda merito: S-roj Van Dijck kaj Wuyts; kun granda merito: S-ro Jonckheere kaj S-ino Lubinsky; kun merito: S-ino Verbaere, F-ino Van Beeck, S-ro Van Dijck, H., kaj F-ino Peeters. Tiun kunsidon ankaŭ ĉeestis S-ro Mladjaff el Sofio. La festeto finiĝis per intima dancado.

Dimanĉon la 30an estis vera esperantista tago. Okaze de la vizito de la aliurbaj esperantistoj, la verdaj flagoj flirtis ĉe du hoteloj apud la Centra stacidomo. En diversaj vendejoj vidiĝis la esperantistaj insignoj kaj afiŝetoj « Esperanto parolata ». En «Witte Leeuw» kunvenis 17 gesamideanoj nederlandaj el Bergen op Zoom, dekdu geesperantistoj el Aalst, dek ok gemembroj de la Brusela Grupo Esperantista, 12 el Liero, kelkaj esperantistoj el Gento, Ninove, Nivelles kaj Sankta Nikolao, k. c. Matene, 60 esperantistoj vizitis la Muzeon Plantin. La komunan tag-manĝon, ĉe nia samideano S-ro Plincke, estro de Hotelo «Monopole» ĉeestis S-ro Mladja el Sofio kaj partoprenis preskaŭ 100 gesamideanoj. Posttagmeze, sur du ekskursŝipoj oni vizitis la internajn dokojn kaj la « Kruisschans » kluzon. Ŝajne ĉiuj interesiĝis en la vizito. Vespere, bedaŭrinde, pluvego estis kaŭzo, ke ĉiuj aliurbaj amikoj uzis la fruajn vagonarojn.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista.** — Lundon la an de Majo, D-ro Kempeneers faris rapidan kaj tre interesan raporton pri la parolado, kiu okazis la 22an de Aprilo ĉe la firmo Philips.

Dum la festoj de Pentekosto, multaj membroj de la Brusela Grupo partoprenis la nacian kongreson belgan, en Gento. La bruselaj samideanoj ludis la tre konatan teatraĵeton « Angla lingvo sen profesoro » kaj rikoltis meritritajn aplaŭdojn.

Dum Junio la Bruselanoj faris promenadon tra la kamparo. Malgraŭ la pluva vetero, la ekskurso estis agrabla dank'al la gajeco, kiu regis inter la partoprenantoj.

Lundon la 3an de junio, dum la kunveno, okazis la unua legado de la teatraĵeto « La Komisaro estas bonulo »; la roloj estas disdonitaj provizore al la estontaj aktoroj, kiuj prezentos poste tiun gajigan teatraĵeton.

Dimanĉon la 30an de junio, la Bruselanoj, multnombraj, partoprenis ekskurson organizitan de la antverpena esperantista grupo « Verda Stelo », en la haveno de Antverpeno. Dank'al la bonega aranĝo de la tuta afero, la partoprenantoj havis la okazon viziti la havenon detale. Vespere, la ekskursanoj revenis Bruselon, kontentegaj pro la interesplena vojaĝo, kiun ili faris al Antverpeno.

BRUĜO. — La kurso gvidita de F-ino Thooris finiĝis la 30an de aprilo kun kontentiga nombro da lernantoj.

La 1an de junio okazis festeto kun vespermanĝo, kiu plej bone sukcesis. Multaj gemembroj agrabligis la vesperon per ludado de fortepiano, kantoj kaj deklamaĵoj. Profitante la okazon, F-ino Lonneville, je l'nomo de la novaj gelernantoj, dankis F-inon Thooris pro ŝia sindonema kursgvidado kaj donacis al ŝi memorajeton kial danksesprimon.

La 30an de junio la grupo partoprenis la ĉiujaran sekvantaron okaze de la « Kolonia Tago ». Posttagmeze okazis ekskurso al Varssenaere sub gvidado de F-ino Thooris kaj S-ro Poupeye. La ekskursanoj vizitis la monakejon de Zevenheeken kaj la ĉirkaŭaĵon.

La 14an de julio 20 gegrupanoj iris al Oostduinkerke por vititi alilandajn gesamideanojn pasigantajn kelkajn tagojn ĉe nia S-ano Benoit. Post agrabla tagmanĝo komuna oni iris piede al La Panne; dumvoje oni often haltis ĉu por kanti ĉu por fotografiĝi. Plej plezuriga estis tiu ekskurso.

La 16an de julio la karavano el Oostduinkerke vizitis Bruĝon kie ĝi estis akceptata de kelkaj membroj, kiuj vidigis la vidindaĵojn de la urbo. Komunaj tag-kaj vespermanĝoj okazis en la grupa sidejo « Hôtel du Cornet d'Or ». Vespere angla S-ano S-ro Arthur Constance ĉeestis la grupan kunvenon kaj faris interesplenan paroladeton.

GENTO. — Nova kurso por 12 gelernantoj okazis tuj post la nacia kongreso. La ĉiusemajnaj kunvenoj okazas regule la merkredon je la 7½. Dum la libertempo ili okazos ĉe la Sekretario. Se estas bela vetero oni faros promenadojn ĉirkaŭ la urbo.

La 20an de Majo, la Katolika Esperantista Junularo-Asocio organizis « Esperanto-Studotago », kiu okazis en la granda festsalono de la lernejo Sankta Luko, Zwartzustersstraat. Ĉeestis cento da personoj venintaj el ĉiuj partoj de la lando. La studotagon direktis F-ino Elsa Champy. Ĝi estis malfermata de Patro S. J. van den Rydt; sekvis tiam kvin lecionoj,

nome : Historio pri la provoj de internacia helplingvo, Esperanto kaj ĝia elpensinto D-ro Zamenhof, de Frato Ludoviko ; « La disvastiĝo de Esperanto en la mondo kaj la organizaĵoj de Esperanto-movado de S-ro F. Schoofs ; La katolika Esperanto-movado. Historio. Neceseco, Ligoj de Patro De Coene; Esperanto kaj Apostoleco, de Patro Van den Rijdt, La katoliko Esperantista Junularo-Asocio, de F-ino E. Champy.

La tuta aranĝo estis aprobita de Lia episkopa Moŝto Coppieters, el Gento. Ĉiuj parolintoj akiris grandan sukceson, kaj sendube tiu studotago multe helpos al varbado por Esperanto en nia lando.

SANKTA NIKOLAO. — Multaj gemembroj ĉeestis la nacian kongreson en Gento. Ili tutkore dankas la aliurbajn gegrupanojn, kiuj pliĝojigis la restadon. La kursoj daŭras regule.

**Verda Rado.** La gegrupanoj veturis al la lago de Overmeire, kie ili renkontis la samideanojn el Aalst. Oni sin amuzis bonege malgraŭ la ne agrabla vetero.

---

# BELGA GAZETARO

Ĉi tiun fojon ni citu speciale la gazetaron de Gento, kiu plej detale raportis pri la 18a Esperanto-Kongreso. Efektive, aperis ampleksaj artikoloj en « Le Bien Public » kaj « La Flandre Libérale ». La unua ankaŭ enhavis belan artikolon pri la Esperanto-studotago organizita de la Katolika Esperantista Junularo-Asocio.

La antverpenaj gazetoj senescepte publikigas regule ĉiujn komunikojn de nia loka grupo. La semajna gazeto « Pro Antverpia » de la turista kaj propaganda asocio « Antverpeno Antaŭen » daŭrigas montri sian simpation al nia movado diskonigante i.a. ĉiujn informojn pri Esperanto el la Internacia Esperanto-Servo. Ankaŭ la kvartala ĵurnaleto « Kielsch Reklaamblad » informis pri kursoj, festoj, k. c. Esperanto-Anguleto aperis en la numeroj Majo kaj Junio de « Ons Streven » organo de la Antverpena Policistaro. « Belga Radio », la bela revuo pri sciencoj radio-elektraj, enhavis en Majo kaj Junio resumojn en Esperanto pri la publikigataj artikoloj, Ni gratulas la redakcion de la revuo kaj esperas, ke multaj esperantistoj, kiuj sin okupas pri T. S. F. subtenos ĝin per abono.

---

# GRATULOJ

Al S-ro **Gustave Vermandere,** delegito de U. E. A., Administranto de « La Verda Stelo » kaj de Belga Esperanto-Instituto, kiu edziĝis la 29an de Majo kun Fraŭlino J. Van Caeneghem.

Al S-ro **E. A. Hansch,** komerca direktoro de la firmo Hellesens, bona amiko de Esperanto, kiu edziĝis kun Fraŭlino Kraemer el Dresdeno.

Al Gesinjoroj **Morris De Ketelaere-Wouters,** el Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto Paula, la 4an de Junio.

Al Gesinjoroj **Maurice Jaumotte-Loquet**, el Antverpeno, al kiuj naskiĝis fileto Roger, la 17an de Junio.

Al Gesinjoroj **Henri Petiau**, el Gento, kiuj festis la 25an datrevenon de sia geedziĝo la 23an de Junio.

---

# NEKROLOGO

S-ro **barono Albert Ruzette**, eksprovincestro kaj eksministro, honora membro de B. L. E., kiu multfoje pruvis sian grandan simpation al nia movado, mortis en Bruĝo, la 25an de Majo.

S-ro **Frederik B. Portabella**, membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, mortis la 28an de Junio.

S-ino **Angelina Nuyens**, patrino de S-ino V-ino John Hanson, membrino de «La Verda Stelo», mortis la 27an de Junio.

S-ro **A. Truyens**, amiko de nia movado kaj patro de F-ino M. Truyens, anino de la grupo «Al Triumfo», el Sankta Nikolao.

S-ro **L. Tomme**, el Sinay, frato de S-ro G. Tomme, ano de la grupo «Al Triumfo».

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al la funebrantaj familioj.

---

# NOBLEGA HEROECO

« La plej bona rimedo por lerni al infanoj la bravecon kaj la kuraĝon, estas la bonaj kaj veraj ekzemploj, diris nia profesoro de angla lingvo. Tial li faris ĉiusemajne diktajon aŭ ni faris tradukojn pri unu aŭ alia subjekto de braveco, kaj por ke ni ne forgesu ĝin, li devigis nin, lerni la diktaĵon aŭ tradukaĵon parkere. El la du aŭ tricent ekzemploj, kiujn ni tiamaniere lernis, mi nur memoras la sekvantan :

«La 25an de Februaro 1852, nur kelkajn mejlojn antaŭ la terpinto « Bona Espero », la angla fregato « Birkenhead » ektuŝegis submaran rokon. Tiom da akvo enfluis la ŝipon, ke oni tuj vidis, ke ĝi estas nesavebla kaj baldaŭ subakviĝos. Sur la marŝipo estis tuta regimento de angla infanterio, kiu iris al la « Kabo », por tie resti en garnizono. Utiligante ĉiujn barketojn nur estis eble savi la virinojn, la infanojn kaj kelkajn civilajn pasaĝerojn. Dum la ŝipanaro plenumis tiun partan savadon, la kolonelo ordonis al la tuta regimento sin armi kaj metis ĝin en batala aranĝo sur la ferdeko. Li mem ekstaris en la mezo de la regimento dum la ŝipo malrapide subakviĝis. Tiam oni vidis scenon indan je la antikva grandeco. Neniu el tiuj junuloj, fortaj kaj armitaj, kiuj mortos, klopodis preni la lokon de tiuj malfortuloj, kiuj vivos, kaj sen nur unu murmuro, sen nur unu krio, la tuta regimento malaperis en la abismon, martiro de sia obeemo kaj de sia humaneco ».

Charles VAN REYBROUCK.

# LA MAJ' ALVENAS

1.

Majeste la suno de l'majo leviĝas,
Jen ! kvazaŭ simbolo d'esperoj estontaj,
Ĉielen brilege ĝi helaperigas
La lumon orbelan de l'tagoj printempaj.

2.

L'unuaj radioj heligas la teron,
Trembrile orumas nun ĉiun roseron,
Kaj dum la tagiĝo elmetas sur kampoj
Belegan brodaĵon el sundiamantoj.

3.

Jen, venas la suno l'arbaron lumigi,
Freŝiga de lumo l'aeron varmigi,
Kaj ĉiuj vivantaj junaĵoj sentadas
Nun, kiel la vivo tra l'membroj fluadas.

4.

Dorminta naturo vekiĝas, ekvivas ;
Birdetoj ekkantas matenoebriaj ;
Kaj l'arboj verdiĝas, florplene ornamas
La bordojn de lagoj kun akvoj kristalaj.

5.

En hela suneto kun dolĉa varmeto
Gajflirtas rondetojn blankpapilieto,
Transflugas de floro al lekantokoro
Kun la abeletoj zumantaj en horo.

6.

Nun, saltas kapridoj kaj blekas ŝafetoj ;
Herbejoj alridas per blankaj floretoj ;
L'infanoj dancadas, prikantas dum vojo
Laŭlonge la vivo printempa kun ĝojo :

7.

« Ho bela majsuno, vi l'vivon vekigas !
» Al ni, vi alportas gajigon sur ter'!
» Vi floroburĝonojn kaj korojn ŝveligas !
» Ho majo ! Ho majo ! monato d'esper' !»

Ach. DE MAERTELAERE.

Originale verkita.

ORIGINALA LIETERATURAĴO

# KIEL ARTIŜOKO FARIS RONDELON (1)

**Agrabla rakonto originala.**

**L. Cogen.**

Artiŝoko estis la belsona nomo de kunredaktoro de ia glora ĉiusemajna ĵurnalo Esperanta en iu ne malpli glora ĉefurbo. La redaktora specialfako de Artiŝoko estis la literaturo ; sed, ĉar eble li ne havis grandan kvanton da cerbo nek eĉ da cerbeto en sia krania skatolo, (io kio havis malfavoran influon sur lia imagpovo), li kutimis « pruntepreni » siajn belajn literaturaĵojn difinitajn por sia ĵurnalo (modeste titolita « LA MONDO ») el ekzempleroj de gazetoj aperintaj antaŭ kvindek jaroj kaj pri kies enhavo neniu do plu memoris, subskribante la « prunteprenaĵojn » (kompreneble ?) per sia propra nomo ! Tiu « tondilmaniera » verkado estis tre oportuna kaj ĉiuj nuntempaj legantoj de « La Mondo » admiris la lertecon de ĝia literatura kunverkisto... ĝis kiam la direktoro de la dirita gazeto, speco de polvoplena arhivisto (kial do la direktoroj de nuntempaj gazetoj devas esti serĉemaj arhivistaĉoj?) malkovris la artifikon, ĉar, (sed tio estu dirita inter ni) li estis ĵus uzinta por alia ĵurnalo la saman procedon kaj... la saman artikolon kiel nia mizera Artiŝoko !

Tondro de la dioj ! ! Kian riproĉofalegon la Mondo-direktoro spruĉegigis sur la kapon de nia belnoma amiko !

« Kio ? Ne timi kopii la verkojn de aliulo, « miajn » verkojn... » (li preskaŭ diris «ĉefverkojn», la mensogulo!)... kaj ĉar Artiŝoko volis riski kontraŭ tiu pretendo kontraŭdiron, kiu povis fariĝi kompromitanta por Sinjor' Direktoro, ĉi-tiu furioze duobligis la forton de siaj riproĉegoj, ekblekegante kiel freneziĝinta kamelo, svingigante siajn brakojn tra la aero kvazaŭ ili apartenus al ventmuelilo kaj minacante Artiŝokon per tuja forĵeto el la redaktistaro kaj eĉ per proceso pro literatura ŝtelo (« plagiato » kiel li tion « eltondrigis » el sia buŝo)... se li de nun ne ekverkus literaturaĵojn vere originalajn. Kaj Artiŝoko estis tiel terurigata pro tiom da bruo, da movoj kaj da minacoj, ke li tute forgesis sian kontraŭdiron ?

Li iris hejmen, enŝlosis sin en sian skriboĉambron kaj ekpripensis pri tio, kion li estos faronta. Unue li ege ekkoleris pro la krudaj paroloj de sia direktoro kaj ekhavis venĝodezirojn : anstataŭ sin lasi forpeli, li mem forlasos la redaktistaron kaj tiamaniere multe enuos la Mondo-redaktorojn pro la perdo de tiel brila kunverkanto kiel li... Baldaŭ tamen li opiniis, ke estus pli singarde kaj ankaŭ pli profite por lia monujo kaj por lia trankvileco, se li tiel ne agus kaj se li penus ekprodukti de nun originalajn verkojn...

« Jes, decide, tio estas pli bona !» li diris al si mem ; « Mi eĉ tuj ekverku ion... Jes... sed io originala, tio ne estas facile elpensebla ! » li tuj aldonis, kaj ni, kiuj konas lian ĝisnunan verkomanieron, ni ja povas bone kompreni la embarason de Artiŝoko : « Io originala » li

(1) France: rondeau; flandre : ringgedicht.

denove sopiris kaj li glitigis siajn dek fingrojn en siaj — ni sopozu — densaj, longaj, poetmontraj haroj, fleksis la kapon malantaŭen kaj direktis siajn rigardojn serĉeme al la ĉielo por en tia pripensa teniĝo trovi temon traktotan. Jam li restis tiel longe en la dirita pozicio, ke la muskoloj de lia nuko kaj de liaj brakoj kvazaŭ rigidiĝis kaj ke li nur dolorplene kaj malrapidmove sukcesis reigi ilin en ilia natura teniĝo. Malgraŭ tiu spirita kaj muskola fortelspeziga penado, Artiŝoko jam neniun temon estis malkovrinta ! La mizerulo certe estis forgesinta ke ĉiu semo ekĝermas nur post sufiĉtempa restado interne de la tero. Tion li tamen spertis kelkajn tagojn poste, ĉar, ian posttagmezon, li pro miro, subite falis sur... sia postaĵo ! ! La kaŭzo de tia efiko estis la neatendita, trombmaniera eniĝo en lian cerbon, de... diversaj ideoj ! « Li povus priskribi la vintron kun ĝiaj helsunaj kvankam frostaj tagoj, aŭ ĝiaj nuboplena griza ĉielo kaj neĝofalado kaj glaciiganta ventoblovado; li povus pentri vorte la kamparojn nudajn, tapetitajn per blanka tavolo, etendiĝanta ĝis la horizonto kun ĉi tie kaj tie, vico da senfoliaj arboj, strečantaj siajn multenombrajn branĉojn nigrebrunajn, al la ĉielo kies koloro fariĝas vice flava, viola sangruĝa laŭ la okulo de l' rigardanto direktiĝas pli proksimen al la horizonta kurbo, kie subiĝas la pala, oranĝkolora sunglobo ». Sed frostotremeto trakuris la dorson de Artiŝoko pro tia malvarma subjekto, kaj ĝi haltige glaciigis lian fantazion. Li do forlasis tiun «ideon» kaj la vido de akvokolor-pentraĵo pendanta en lia verkoĉambro kaj montranta kamparanan domon kun, sur antaŭa plano, multfrukta pomarbo kaj, flanke, orkolora garbamaso, igis nian Artiŝokon ekkapti alian el la diritaj ideoj : « li prikantos la belan sezonon kun ĝiaj verdaj herbejoj en kiuj pace paŝtas la brutaroj dum ilia gardanto ludas naivan arion sur ŝalmo ; kun ĝiaj riĉaj kampoj, belaj floroj, varmegaj tagmezoj, varmetaj, steloplenaj noktoj, kiuj igas revadi pri amaj aventuroj » sed nun lia imagpovo vaporiĝis pro tro granda sunhejto !

Tiam sin prezentis antaŭ lia fantazio la oceano kun sia eterna bruado, siaj ŝaŭmproduktaj ondoturniĝoj, siaj uraganoj.. sed lia fantazio baldaŭ dronis en tiom da akvo.

Artiŝoko, tiel malsukcesa ĉe naturpriskribo, sed kies spirito estis trafita de la ĵus diritaj amaj aventuroj, nun ekdeziris eniri la idealon mondon de l' sentoj kaj intencis kunigi aman bukedon en formo de madrigalo eleganta, kortuŝa, amesprima dediĉota kaj donacota...» al ŝi ». Sed kiu estas «ŝi» ? — Neniu tuŝebla, palpebla, kisebla !... ĉar li estis « senbelulina», kaj kiel do esprimi sentojn ĝenerale « al la virino» ? Ili estus malvarmaj, glaciigaj, malveraj !

Artiŝoko estis tre embarasata ; li pensis ke lia cerbo estas sennutraĵa tero pro la semo de l'inteligento, kvankam li fiere malkonfesis tiun propran penson !...

Sed kio okazas ? Jen li tuj manfrapas sian frunton, dum liaj okuloj fajre ekbrilas kaj lia mieno esprimas tiel feliĉoplenan gajecon, ke li ekdancas ronde en sia ĉambro ! La kaŭzo de tia ĝojo estas, ke li ĵus havis mirindan « ideon »: kial li ne priskribus sian ŝanceliĝon mem inter

tiom da ideoj, kiuj obstinis ne maturiĝi en lia spirito ? Jen estas almenaŭ ideo bonega, fruktodona, grandega ! Li do ekpripensis pri la formo donota al tiu temo : ampleksa ĝi ne povas esti, ĉar ĉiuj tiuj embriaj ideetoj perdiĝus kaj nevidebliĝus en tro granda spaco ! Kaj Artiŝoko konkludis, ke la plej taŭga « ideujo » estus malgranda poeziaĵo ; li elektis la rondelon, en kies dek-tri versoj li klarigus ĉiujn belajn priskribojn kiujn li... ne estis farinta. Ĉar li estis forgesinta la strukturon de rondelo ; li opiniis, ke estas necese « plifreŝigi » sian memoron ; tial li ekstudis en traktato pri literatura verkado, kaj « doctus cum libro », li baldaŭ sciis, ke li bezonas uzi du strofojn laŭvice ok-kaj-kvinversajn apartigotajn per « rekantaĵo » konsistanta el la unuaj vortoj de l'unua verso, ankaŭ metotaj je l' fino de l' dua strofo : ĉio tio konstruota sur du rimoj el kiuj la unua estas ripetota okfoje, la alia, kvinfoje. Tiel « armilprovizite », Artiŝoko, post longa pensado, ekskribis :

Laŭ ordono devas mi verki
Ian verkon originalan.

Jen du versoj ; tre poezioplenaj ili ne estas, nek vortoriĉaj ! Sed ni atendu la sekvon. Nun la afero estas trovi la rimojn :

« Ne uzante stilon jurnalan ».

Tio estas plorinde malpoezia, sed « jurnalan » tiel bone rimas kun « originalan» :

« Sed poete volus mi ĉarmi ».

Poete ! Jes, kiom multe! Kaj tiu « mi ĉarmi » kia katbleka belsoneco! Kaj « ĉarmi», kiu devas rimi kun «verki»! Cetere, jen la unua triono de l' versaĵo kaj en ĝi aperas nek la vintro, nek la « bela sezono », nek la oceano nek ia neesprimebla amkonfeso !

Kaj Artiŝoko sidis malfeliĉe antaŭ sia papero, kaj li jam lasis sian plumingon fali el siaj fingroj pro malespero... kiam la ombro de l' franca verkisto Voiture kompatis je Artiŝoko ! Ĉu ankaŭ li ne estis embarasata ian tagon por fari rondelon ?

« Ma foi, c'est fait de moi, car Isabeau
« M'a conjuré de lui faire un rondeau ».

Kaj la bona ombro de l'poeto enblovis en la orelon de nia kompatinda amiko parolojn ŝajne tre kontentigajn : tio estis videbla pro la tuj feliĉesprima vizaĝo de Artiŝoko, kies plumo nun ĝoje kaj lerte gravuris sur la papero la jenan enspiraĵon : « Rondelo farita de Artiŝoko (ho, la sendanka mensogulo!) por la ĉiusemajna ĵurnalo La Mondo :

Laŭ ordono ion fari
Estas ĉiam malfacile
Verkon por La Mond'prepari
Nun mi devas, plej belstile
Di' ! Min helpu vi utile !
Per la rimoj «ile, ari»
Mi rondelon volas fari :
Pene igas mi ĝin stari
Laŭ ordono!

Se mi povus nun trankvile
Trovi versojn tri kun « ile »
Mi atingus ja facile
Celon jam videblan brile !
Plena jen rondel', ĝentile,
Laŭ ordono !

Malsupre, li metis la daton : « 18an de januaro 1908a, je l' dekdua, nokte», por ke la estontaj generacioj sciu, dum kiu nokto tia ĉefverko « vidis la taglumon ».

Post tiaj superhomaj inteligentaj penadoj, Artiŝoko enlitiĝis. Dormi tuj li ne povis : pensante pri la bela poeziaĵo, li diris al si mem, ke ĝi estas ja iom tro mallonga « originala literaturaĵo »! Kaj jen subite li, pro ĝojo, kvazaŭ ekdancis sub siaj litkovriloj : li ĵus estis havinta ideon ankoraŭ pli mirindan : kiel « literaturaĵo » li rakontos la spiritajn aventurojn, kiuj okazigis la naskiĝon de tiu versaĵo, en kiu, kiel oni povis rimarki, li tute forgesis paroli pri la skizaj ideoj, kiuj estis eniĝintaj en lian skatolon vere... sencerban !

Kaj jen kiel Artiŝoko verkis ne nur rondelon mizere senpoezian sed ankaŭ malspritan « originalan literaturaĵon » !

Ĉu, post tiu-ĉi unua provo, la polvoplena direktoro-arhivisto de LA MONDO, konservis tiel brilan kaj imagoriĉan kunverkanton inter siaj redaktoroj, tion la Historio... de l'Mondo ne sciigas ! !

L. COGEN.

---

## LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monato de Majo alvenis 996 marŝipoj kun entute 2.079.329 tunoj, t. e. 11 ŝipoj kaj 41.367 tunoj pli multe ol pasintan jaron dum la sama monato. La meza kapacito estis po 2088 tunoj por ĉiu ŝipo. Inter la alvenintaj ŝipoj estis 407 britaj, 178 germanaj, 87 belgaj, 79 nederlandaj, 49 norvegaj, 45 francaj, 44 svedaj, 38 danaj, 13 usonaj, 9 japanaj, 9 finlandaj, 7 italaj, 7 grekaj, 5 hispanaj, k. t. p.

Dum la monato Junio alvenis 1015 ŝipoj kun 2.165.661 tunoj: t. e. 271 ŝipoj kaj 586.854 tunoj pli multe ol en junio 1928. La meza kapacito estis po 2134 tunoj. Laŭ la nacieco estis inter la alvenintoj : 394 britaj, 194 germanaj, 89 belgaj, 86 nederlandaj, 48 francaj, 46 norvegaj, 42 svedaj, 35 danaj, 13 usonaj, 12 italaj, 10 japanaj, 9 grekaj, 8 finlandaj, 6 hispanaj, 6 litovaj, 6 brazilaj, 6 portugalaj, k.t.p.

Por la unuaj 6 monatoj de 1929 la pligrandigo de la trafiko estis je 316.607 tunoj.

## ĈU LA ESPERANTO-MOVADO ANTAŬENIRAS?

Jen demando kiun ni, Esperantistoj, de tempo al tempo aŭdas. Kompreneble tiu demando tre plaĉas al ni, interalie ĉar ĝi donas al ni la okazon ĝin respondi kaj tiel, se la semo falas en bonan teron, varbi novan samideanon.

Tamen malgraŭ, tio, ke ni ĉiuj interne estas konvinkitaj kaj ĝojas pro ĝia preskaŭ seninterrompa kreskado, ne ĉiam ni havas je nia dispono ciferojn, statistikojn, k.t.p., por ke ni povu taŭge respondi la informpeton. Tiun mankon ne forte sentas la anoj de U. E. A., ĉar ili trovas en ĝia periodaĵo, la ĉiumonate aperanta « ESPERANTO », kaj en la « JARLIBRO », neelĉerpeblan fonton de sciigoj.

En malpli favoraj kondiĉoj troviĝas tiuj samideanoj, kiuj ne estante anoj de U. E. A., tute ne, aŭ nur parte akiras tiajn sciigojn. Estas precipe por ili ke ni diskonigas kelkajn sciindaĵojn ĉerpitajn el la « Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado 1929 ».

En ĝi ni trovas i. a. jenan statistikon : en 1929 estis delegito en 71 landoj kaj 1737 lokoj, dum en 1920 estis delegito en 53 landoj kaj 640 lokoj. El tio sekvas kresko de 18 landoj kaj 1097 delegitoj. Ĉiu kiu komprenas la gravecon de delegito por la Movado, sendube ĝojas pri tia progreso. Ankaŭ la nombro de fakaj societoj internaciaj estas sciinda kaj kalkulas jam 20. Krom tio ekzistas trideko da naciaj societoj. Periodaĵojn internaciajn, verkitajn tute en Esperanto, ni trovis 28, kaj kvardekon da periodaĵoj naciaj. Ke tiuj ĉiaspecaj societoj, same kiel la ĉiaspeca gazetaro havas gravan signifon ne bezonas klarigon.

Se krom tio ni aldonas, ke en 36 landoj troviĝas naciaj societoj de propagando, tiam estas klare montrita, ke Esperanto ne nur ekzistas, sed jaro post jaro progresas. I. U.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

**La Granda Internacia Ekspozicio por ĝardenkulturo kaj alligitaj fakoj,** Kortrijk 14-16 Sept. 1929, uzis Esperanton por sia propagando. Ĝi ankaŭ eldonis belan reklammarkon.

**La moderna rapidskribo de Wilhelm Memerow,** estas nova sistemo de stenografio. Informoj haveblaj ĉe la aŭtoro, en Waren i. M. (Germanujo).

**La 9a regiona kongreso de la Esperantista Federacio de Norda** Francujo okazis en Valenciennes, la 16an de Junio.

**Nov-Ĉinia Esperanto-Asocio,** estas la nomo de novstarigita asocio Esperantista, al kiu ĉiu kiu deziras rilati kun Ĥinujo povas sin turni por havi kiun ajn servon. Adreso: P. O. Box, Kantono, Ĥinujo.

**Deziras korespondi kun belgaj samideanoj :** S-ro Robert Vieville, 14 rue de Paris, Saint-Denis (Seine) Francujo.

# ESPERANTA RIMVORTARO

Multaj el niaj samideanoj jam je iu okazo kuraĝis ekkunmeti poezieton; kelkaj jam ree sin ekzercis kaj ni konsideras, ke por tiuj versamantoj la aperigo de rimvortaro estos interesa. S-ro Jaumotte kompilis tian, kiu enhavas 7000 ĝis 8000 vortojn. Hodiaŭ ni komencas ĝian publikigon.

**A**

-a
kuraca
da
raĝa
ha
ia
ĉia
kia
nenia
paria
tia
ja
kaka
koka
juka
la
bala
smala
kola
kama
lama
trema
mana
boa
pa
ara
para
pra
tra
tetra
ultra
hura
ua

**AB**

baobab
fab
silab
klab
astrolab
kanab
knab
rab
Arab
karab
skarab
krab
trab
strab
stab

**ABL**

prohabl
fabl
afabl
diabl
kabl
inkunabl
kapabl
agrabl
sabl
tabl
stabl
establ
konestabl

**ABR**

kandelabr
cinabr
krabr
sabr

**AC**

bac
fac
surfac
agac
sagac
pajac
lac
palac
plac
kapitulac
mac
grimac
smac
kontumac
minac
spinac
erinac
donac
pac
spac
rac
grac
matrac
kurac
Alsac
ketac

**AĈ**

aĉ
kaĉ
laĉ
klaĉ
plaĉ
maĉ
kraĉ

**AĈJ**

-aĉj

**AD**

-ad
alidad
gad
cigad
brigad
asklepiad
olimpiad
miriad
aviad
jad
najad
plejad
ĉekad
dedak
cikad
alkad
kavalkad
arkad
Arkad
kaskad
lad
balad
marmelad
glad
Ciklad
ĉokolad
plad
rulad
nomad
pomad
esplanad
serenad
grenad
kabonad
monad
limonad
steretipad
spad
rad
kamarad
parad
ŝarad
grad
degrad
centigrad
krad
sporad
trad
estrad
balustrad
fasad
stad
vad
invad
persvad

**ADR**

kadr
skadr
eskadr

**ADZ**
haladz

**AF**
kaf
laf
paf
karaf
paraf
seraf
graf
agraf
paragraf
telegraf
kaligraf
epigraf
markgraf
ksilograf
olograf
stenograf
fonograf
etnograf
kinematograf
litograf
hektograf
fotograf
aŭtograf
ĝiraf
traf
ŝaf
epitaf

**AFL**
vafl

**AFN**
dafn

**AFT**
aft
klaft
naft
raft
ŝaft
taft

**AG**
ag
lumbag
fag
mirmekofag
sarkofag
entropofag
ezofag
medikag
lag
blag
arĥipelag
flag
mucilag
tusilag
kartilag
plag
mag
imag
pag
papag
areopag
asparag
frag
saksifrag
borag
vertrag
sag
tag
kratag
plantag
vertag
vag
zigzag

**AGL**
agl

**AGR**
podagr
meleagr
flagr
vinagr
sagr

**AĜ**
aĝ
adaĝ
bandaĝ
vojaĝ
kaĝ
vilaĝ
domaĝ
fromaĝ
naĝ
apanaĝ
paĝ
maharaĝ
furaĝ
kuraĝ
saĝ
masaĝ
etaĝ
kurtaĝ
sovaĝ
vizaĝ
pejzaĝ

**AH**
ah
bah
subtrah
ŝah
puŝah

**AĤ**
monaĥ

**AĤT**
jaĥt

**AJ**
-aj
kaj
kobaj
faj
gaj
pagaj
kaj
Malaj
Maj
kamaj
arnaj
papaj
raj
fraj
staj

**AJD**
rajd
tajd

**AJF**
fajf

**AJL**
ajl
fajl
gajl
pirogajl
ĥajl
emajl
najl
kanajl
prokanajl
tenajl
pajl
serajl
grajl

**AJM**
prajm

**AJN**
ajn
gajn
semajn
grajn
trajn
ŝajn

**AJP**
rajp
grajp

**AJR**
fajr
salajr

**AJSTR**
majstr

**AJT**
rajt
trajt

**AĴ**
-aĵ
lumbaĵ
korsaĵ

**AK**
abak
bak
tabak
tombak
fak
hak
zodiak
iliak
amoniak
jak
konjak
ĵak
makak
lak
portalak
ŝelak
lilak
smilak
klak
hamak
limak
stomak
almanak
pastinak
kloak
pak
alpak
kalpak

arak
barak
sandarak
brak
ĉabrak
labrak
amfibrak
drak
frak
grak
stirak
krak
hidrokorak
torak
batrak
triktrak
sak
ŝak
atak
stak
astak
pistak
vak
bivak
kvak
kazak
kozak

**AKL**

pinakl
mirakl
spektakl

**AKM**

drakm

**AKN**

akn

**AKR**

akr
fiakr
sakr
ŝakr

**ASK**

aks
laks
koaks
boraks
antraks
taks
sintaks
vaks

**AKT**

akt
redakt
aŭtodidakt
fakt
olfakt
kakt
lakt
selakt
kompakt
barakt
katarakt
difrakt
rifrakt
anfrat
trakt
kontrakt
abstrakt
ekstrakt
ŝakt
takt
kontakt
stakt
ekzakt

**AKV**

akv

**AL**

al
al
bal
kabal
kanibal
falbal
cimbal
kubal
medal
pedal
migdal
skandal
sandal
vandal
modal
feŭdal
ideal
real
boreal
fal
acefal
makrocefal
akefal
bufal
gal
anagal
egal
regal
poligal
madrigal
angal
ĝangal
bengal
najtingal
miogal
urogal
Portugal
hal
inhal
ial
special
ĉial
oficial
potencial
social
kial
brakial
nenial
imperial
material
merkurial
trivial
pluvial
lojal
kal
ŝakal
sekal
radikal
klerikal
vertikal
alkal
pokal
vokal
krizokal
perkal
skal
seneskal
mal
decimal
animal
timal
centezimal
termal
formal
normal
anal
kanal
arsenal
signal
oficinal
kardinal
ordinal
final
original
kriminal
nominal
diagonal
racional
kondicional
ĵurnal
tribunal
pal
sepal
opal
kopal
ral
paral
katedral
liberal
numeral
general
ĝeneral
mineral
numeral
integral
admiral
spiral
koral
moral
kaporal
temporal
ekstemporal
kaporal
pastoral
rastral
mistral
neŭtral
sal
vasal
misal
universal
ŝal
marŝal
feldmarŝal
tal
batal
fatal
acetal
detal
vegetal
metal
petal
monopetal
Ital

digital
kapital
hospital
santal
tantal
mental
sentimental
horizontal
krotal
kvartal
portal
stal
piedestal
kristal
instal
ŝtal
dual
aktual
vinktual
eventual
vual
val
karnaval
ĉeval
rival
skval
alval
konval
oval
narval
okzal

**ALĈ**

falĉ

**ALD**

ald
fald
alkald
smerald
sald

**ALF**

alf

**ALG**

alg
balg

**ALK**

alk
falk
katafalk
kalk
talk

**ALM**

palm
salm
psalm
ŝalm
lagoftalm

**ALN**

aln

**ALP**

Alp
skalp
palp
talp

**ALS**

fals
hals
vals

**ALT**

alt
Balt
kobalt
falt
asfald
halt
malt
palt
kontralt
salt
persistalt
bazalt
ekzalt

**ALV**

kalv
malv
salv
valv

**AM**

am
dam
makadam
fam
gam
agam
amalgam
kriptogam
iam
ĉiam
kiam
hiskiam
neniam
tiam
kam
kvankam
lam
flam
oriflam
inflam
aklam
deklam
reklam
proklam
madapolam
islam
mam
ignam
cinam
dinam
ornam
bram
dram
melodram
volfram
gram
anagram
telegram
decigram
miligram
epigram
centigram
paralelogram
kilogram
monogram
program
hektogram
panoram
pram
tram
sam
esam
ŝam
tamtam
hipopotam
skvam
balzam

**AMB**

iamb
jamb
framb
ditiramb
kramb

**AMBL**

ambl

**AMBR**

ambr
ĉambr

**AMN**

kondamn
ramn
diktamn

**AMP**

kamp
hipokamp
lamp
ramp
kramp
stamp

**AMPF**

krampf
stampf

**AN**

-an
ban
kaban
taban
pleban
Alban
turban
ĉan
Dan
korudan
kardan
laberdan
laŭdan
ocean
pean
diafan
rafan
sarafan
infan
profan
sufragan
uragan
huragan
cigan
origan
mangan
dogan
argan
organ
fatamorgan
ĥan
cian
gencian
cistercian
meridian
indian

lian
pavilian
timian
pian
fortepian
valerian
Presbiterian
kartusian
pavian
kartezian
cejan
kan
dekan
ĉikan
pelikan
anglikan
dominikan
rikan
Vatikan
kalkan
vulkan
kankan
franciskan
lan
barblan
ĉambelan
porcelan
flan
glan
klan
volan
plan
aeroplan
ulan
hortulan
man
bra(h)man
roman
German
talisman
hetman
human
Ruman
banan
Nan-a

kalvinan
pan
Japan
ajapan
trepan
marcipan
ĉampan
timpan
akompan
Hispan
ran
bran
membran
veteran
volteran
Luteran
safran
gran
filigran
tiran
kran
ekran
majoran
koran
sopran
uran
san
Britan
titan
benediktan
altan
sultan
lantan
argentan
fontan
abrotan
stan
kapstan
kaŝtan
platan
ĉarlatan
Satan
Mahometan
tetan
kaftan

kapitan
hipokaŝtan
sutan
guan
van
karavan
igvan
divan
galvan
volovan
fazan
tizan
kartizan
alzan

**ANC**

anc
danc
kontradanc
ekstravagan
alianc
mezalianc
lanc
balanc
bilanc
ambulanc
romanc
financ
asonanc
disonanc
konsonanc
ranc
protuberanc
Franc
renesanc
ŝanc
kvitanc
stanc
substanc
distanc
instanc
cirkonstanc
nuanc
avanc

**ANĈ**

anĉ
fianĉ
dimanĉ
branĉ
tranĉ

**AND**

And
band
saraband
kontraband
ruband
marĉand
dand
fand
propagand
viand
kand
skand
land
gland
jugland
Grenland
Holand
pland
Irland
girland
Island
Flamand
demand
limand
komand
rand
brand
verand
frand
grand
lavand

**ANDR**

oleandr
koriandr
kalandr
Flandr
salamandr
sandr
palisandr

**ANG**

gang
lang
falang
merlang
mang
rang
strang
sang
slang
tang
orangutang
vang
lavang
pizang

**ANGL**

Angl

**ANĜ**

flanĝ
manĝ
aranĝ
franĝ
oranĝ
ŝanĝ
lozanĝ

**ANJ**

-anj

**ANK**

bank
dank
blank
flank
plank
mank
barank
brank

frank
afrank
krank
ŝrank

ANKR

ankr
kankr
ŝankr

ANKT

sankt

ANS

ans
hans
pans
trans

ANT

-ant
bant
pedant
prezidant
andant
intendant
sekundant
elefant
gant
elegant
gigant
drogant
diant
adiant
briliant
poliant
amiant
variant
kant
akant
lekant
sekant
brokant
galant
ailant

plant
Atlant
mant
diamant
enant
leŭtenant
konsonant
amarant
kvadrant
aspirant
hejrant
diletant
oktant
kontant
instant
konstant
adjutant
vant
kvant

AP

ĉap
agap
kap
lap
klap
nap
hanap
kanap
sinap
pap
rap
drap
frap
skrap
satrap
sap
etap

APR

apr
kapr

APT

bapt
adapt
kapt

AR

-ar
bar
malabar
najbar
barbar
car
ĉar
ĉar
janiĉar
dar
dromedar
solidar
kalendar
far
nufar
fanfar
cigar
vulgar
Hungar
gargar
Maĝar
etaĝar
har
deciar
terciar
familiar
tiar
centiar
kaviar
jar
plebejar
bojar
kar
akar
lar
talar
flar
kapilar
bazilar
klar

deklar
dolar
sekular
perpendikular
formular
popular
mar
amar
ultramar
kalmar
omar
rosmar
denar
ordinar
kulinar
veterinar
knar
par
akapar
prepar
ripar
rempar
kompar
ŝpar
erar
kurar
hedisar
komisar
glosar
korsar
husar
tar
katar
Tatar
vegetar
gitar
sanitar
hektar
nektar
inventar
Tartar
star
buduar
jaguar
muar

Januar
Februar
kasuar
trotuar
repertuar
var
avar
samovar
azar
bazar
Cezar
huzar

ARB

arb
barb
rabarb
garb
karb
varb

ARC

parc
kvarc

ARĈ

arĉ
barĉ
marĉ

ARD

ard
bard
halebard
bombard
standard
gard
rigard
avangard
ariergard
hard
liard
miliard
jard
miljard

# BONHUMORO

## ĈE LA PONTA BALUSTRADO

Silente kaj mistere fluadis la granda rivero tre profunde sub la grandega ponto. Senkuraĝa kaj malĝoja viro, kiu kelkajn momentoj apogante sur la balustrado alrigardis la riveregon, estis eltirita el sia pensado, kiam li rimarkis, ke li ricevis societon de viro, kiu estis same senkuraĝa kiel li mem.

— Do vi baldaŭ saltos en la riveron melankolie demandis la dua. Ĉu mi eble povus scii kial ? Vi estas la lasta persono al kiu mi parolas en tiu ĉi mondo respondas la unua viro. Kiel mi ne rakontus ĝin al vi ? Estas virino; ŝi loĝas en Marsejlo ŝia nomo estis Molly. Molly Blair. Ŝi estis la plej perfekta virino, la idealo de poetoj, ŝiaj okuloj estis el la plej bela bluo, la idealo de ĉiuj homoj.

En ĉiuj rilatoj ŝi estas perfekta. Ŝi estis tiel bona kiel bela, kaj tiel ĉarma kiel bela. Ŝi estis la plej perfekta vivkunulino, tro perfekta por tiu ĉi vivo. Ni estis fianĉiĝintaj kaj baldaŭ geedziĝos, sed semajno antaŭ la edziĝo, ŝi redonis al mi la ringon, dirante, ke ĉio estas finita. Ŝi diris al mi ke mi devos forgesi. Dum dek kvin longaj jaroj mi luktis kaj batalis, havante tage kaj nokte antaŭ miaj okuloj tiun incitan vizion de tio... kio iam povis esti... Sed nun mi estas ĉe la fino de la batalo, mi ne plu povas longtempe tion suferi.

— Sed pro kio vi volas vin dronigi ?

— Antaŭ 15 jaroj respondis la dua, kun malklara kaj maldolĉa voĉo, antaŭ 15 jaroj mi edziĝis je MOLLY BLAIR.

Cesar VANBIERVLIET.

---

# BIBLIOGRAFIO

**GUIDA SOMMARIA DI UDINE** (Italiano-Esperanto), estas bela ilustrita gvidlibreto pri la urbo Udine, eldonita en Esperanto kaj en itala lingvo. 24 paĝoj 17x24 cm. Eldonita de la Esperantista grupo de Udine, Via Beato Odorico de Pordenone 1/a, Udine. Prezo Lit. 3,—.

**OFICIALA BULTENO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO.** Kajero 1 - Julio 1929. 24 paĝoj 15x23 cm. Eldonis Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Paris. Prezo: Sv. Fr 1,—. Enhavas : Raporton de la Prezidanto, raporton de la Direktoro de la Sekcio: « Komuna Vortaro» kun la 4a aldono al Universala Vortaro; raporton de la Direktoro de la sekcio « Gramatiko »; raporton de la Direktoro de la sekcio « Premioj »; raporton de la direktoro pri la teknikaj vortaroj; la kalkulojn de la Akademio por 1928-1929.

**INTERNACIONALSTENOGRAFIO** en ĉiuj kulturlingvoj. Aldono por la Gvidilo en Esperanto. Enkonduko kaj tri partoj de F. de Kunovski. 2a Parto (Sveda, Dana, Nederlanda, Portugala, Rumana, Greka, Latina). Reviziita de H. J. Hoen, dipl. G. E. I. Leipzig. 16 paĝoj 14x22 cm. Eldonis: Instituto de Internacialstenografio,, Friedenstr. 79 Duisburg (Germanujo). Prezo nemontrita.

**NOBELA PEKO** de Mihail Sadoveanu. El la rumana originalo tradukis kun permeso de la aŭtoro Tiberio Morariu. Volumo 21 de Internacia Mondliteraturo. Eldonis Ferd. Hirt & Söhn, Leipzig. 1929. 64 paĝoj 13x19 cm. Prezo: Rmk. 1.60. Krom tiu novelo, kiu majstre revivigas la marĉan regionon kun sunleviĝoj kaj sunsubiroj, kaj klare montras la malnovepokajn nobelon kaj popolanojn en kadro de emociiga vivodramo, la nova volumo enhavas kortuŝan skizon « En Arbaro Petriŝor » ĉarman kristnaskan rakonton « La Sciigantoj ».

**KLASIKA LEGOLIBRO.** Versions pour la Deuxième année d'Esperanto. 32 paĝoj 11,5 x 18 cm. Eldonis Em. Robert, 5 Rue Ravignan, Paris (18). Prezo, afrankite Fr. fr. 1.50. Kolekto de kvindeko da bone elektitaj mallongaj tekstoj, efike uzeblaj en perfektigaj kursoj.

**JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO kaj de ĝia Akademio.** 1929. 32 paĝoj 11,5x16 cm. Eldonis la Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (9e), Paris. Prezo: Fr. Fr. 2.—. Enhavas : la regularon de la Lingva Komitato, la regularon pri verkoj rekompencotaj de la Akademio, noton pri la rilatoj inter la Akademio kaj la Eksterakademia sekcio por Scienca kaj Teknika Vortaro, la adresaron de la lingvokomitatanoj, liston de la Lingva-Komitatanoj laŭ la Lingvoj, kaj laŭ ilia elirjaro, liston de la Akademianoj, klarigon pri la landnomoj.

**DUDEKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO** (Antverpeno 3-11 Aŭgusto 1928). Kajero de la Oficiala Dokumentaro eldonita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Tour de l'Ile 1, Genève. 144 paĝoj 15,5x24 cm. Enhavas la plenan dokumentaron pri la 20a Kongreso: 1. Protokolon, Financan Raporton kaj Statistikon; 2. Raportaro de la oficialaj institucioj ; Aldono : Dokumentaron pri la 4a Somera Universitato en Esperanto.

**ORIGINALSTENOGRAFIO por Esperanto** (Sistemo Brabbée). Gvidiloj al la plenskribo kaj al la korespondadskribo, Verkita de Prof. Ewald Brabbée kaj Karl Haager. 32 paĝoj 12x15 cm. Prezo: Rm. 1,40. Enhavas la klarigojn kaj ekzercojn pri la suprenomita stenografia sistemo. Ni rekomendas ĝin al ĉiuj esperantistoj-stenografiistoj, kiuj ĝin trastudos kun intereso.

**ESPERANTO-REDEN** v. Dr. L. L. Zamenhof, gehalten bei Eröffnung der Esperanto-Kongresse 1905-1912. Mit Einleitung über Programm und Ursprung des Esperantismus, begleitender deutscher Uebersetzung und Anmerkungen. Herausgegeben von Dr. Emil Pfeffer. N-ro 776/779 de Tagblatt-Bibliothek. Steyermühl Verlag, Vieno. 176 paĝoj 12x18,5 cm. Prezo Rmk. 1,20. Enhavas en lingvoj germana kaj Esperanta la paroladojn, kiujn eldiris D-ro Zamenhof en la unuaj 8 Universalaj Kongresoj de Esperanto. Bona dokumento por la nova generacio de Esperantistoj.

**LA NOVA HOMARO,** de P. Danov. No 5-6 de la Biblioteko «Nova Kulturö». 48 paĝoj 12x1,5 cm. Prezo Sv. Fr. 0,40. Krom la traduko de tiu teorio pri nova mondkompreno, la libreto enhavas du aliajn tekstojn de la bulgara sociologo Danov : La Universa Amo kaj La Kosma Amo.